JARO XVI, Sofia—Bulgario
januaro—marto 1972, № 1

# INTERNACIA JURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## ESPERANTA ĴURNALISTO

Amikoj demandas min riproĉe, kial jam delonge ili ne vidis mian artikolon en „IĴ"? Vere, kial? Ĉu forestas la ideoj kaj inĝeniaj pensoj, aŭ mankas lingvaj rimedoj por ilin esprimi? Nek tio, nek alio. Mi estis forte okupita en miaj oficaj aferoj. Sed ja, certe, ĉiuj estas forte okupitaj. Nia esperanta aktiveco ja estas „superofico". Do mi iom neglektis mian superoficon. Nun mi pentas, hontas kaj jen decidis flankigi la mison.

Mi ja estas esperanta ĵurnalisto. Do mi revenas al problemoj de esperanta ĵurnalismo.

Intertempe mi legas ĉiutagajn gazetojn — la laboron de miaj nacilingvaj kolegoj kaj vidas, kiel agrable ŝanĝiĝas la mondo. Kaj al mi venas ideo prikonsideri niajn esperantajn eventojn kaj taskojn en du aspektoj.

1 — vidpunkte de objektiva mondsituacio, kaj

2 — vidpunkte de niaj internaj subjektivaj revoj kaj faroj.

Kio koncernas la mondan situacion, oni povas esprimi tion per malmultaj vortoj aŭ frazoj. Monda situacio travivas progresivan malstreĉiĝon de l'politika situacio, kaj strebon de popoloj al paco, amikeca interkompreniĝo, malgraŭ kelkpunktaj akraj kunpuŝiĝoj kontraŭ agresaj fortoj. Ĉio ĉi ekstreme favorigas la kondiĉojn por esperanta movado ĝenerale kaj por laboro de ĝia ĵurnalista taĉmento speciale.

Ja, kiam parolas kanonoj, Esperanto silentas. Kaj nun, kiam potence ekparolis sentoj kaj pensoj de popola frateco, strebo al paca kunekzisto sendepende de diverseco de socisistemoj kaj mondkonceptoj, internacia lingvo estas invitata per logiko de eventoj al la antaŭa plano de scenejo.

Kaj kio koncernas pure esperantajn aspektojn de la problemo ni prikonsideras ilin nur en unu malvasta sektoro, nome lingva evoluo kaj ĵurnalistaj specifoj de esperanta movado.

Ĉiuj esperantistoj strebas kaj aspiras (almenaŭ mense) al rapida kaj decida progresigo de l'Esperanto-afero. Kaj esperantaj ĵurnalistoj, kiel homoj starantaj en unuaj spaliroj de tiu movado per sia persista ĉiutaga laboro akcelas tiun progresigon.

Sed en kio konsistas la progreso de la afero? Kion ni prezentas al ni kiel finan celon de niaj streboj? Multaj revas pri tiu beata situacio. Multaj donas al tiu demando siajn respondojn. Kaj, certe tiuj respondoj estas ĉiam pleje malsamaj.

Profesoro Migliorini revas pri epoko, kiam geografiaj libroj estos verkataj kaj eldonataj en Esperanto.

Persista land-esploranto kaj senlaca vojaĝanto tra la mondo — nia kolego Tibor Sekelj revas pri la tempo, kiam ĉiuj turistaj agentejoj enkondukos Esperanton en sian ĉiutagan praktikon.

Sportisto sonĝas pri Olimpikoj en Esperanto.

Sciencisto Ĉaĥotin avide atendas, kiam oni povos veturi al internacia kongreso de biofizikistoj, efektivigata rapide kaj efike en unu sola lingvo internacia — Esperanto.

Kaj ĵurnalisto pensas pri vastaj personaj ligoj kun eminentuloj kaj samprofesianoj de ĉiuj mondpartoj per unu sola lingvo, li volas ĉerpi sian inspiron, evitante densejojn gia lingvaj obstakloj. Krome li volas havi kiontran informejon de gazetkapta temaro por verki longajn kaj ravajn, vere surprizajn, artikolojn. Kaj eble li revus pri iu internacia

agentejo, rapide liveranta informojn pri faktoj, urĝe serĉataj, detalaĵojn de arde necesaj personecoj, eble kun perado al diverslingva preso, do pri iu hibrido de lingvo-poŝto-traduko-inform-servo.

Sed la procedo de maturiĝo de la lingvo iras laŭ siaj objektivaj leĝoj, malatentante ĉies revojn kaj aspirojn. Kaj la plej aŭdacaj por nunanoj revoj iĝos realaĵo, kiam esperantistaro kalkulos siajn vicojn per milionoj, sed ne per miloj.

Ĉi tie estas vojkruciĝo de du dialektikaj kategorioj: kvalito kaj kvanto. Kvalito de la lingvo, kvanto de ĝiaj uzantoj. Estas klare rimarkata ege intensa kvalita evoluo ĉe tre malrapida, eĉ ŝajne stagnanta, kvanta evoluo. Dum lastaj 30—35 jaroj tre rapide marŝis kvalita perfektiĝo de la lingvo. Komparante nunan literaturon kun tiu de la epoko de komenco de la jarcento aŭ eĉ ĝiaj dudekaj kaj tridekaj jaroj oni klare rimarkas la diferencon kaj evoluon. Ni jam havas klare esprimitan modernan kaj arkaikan stilojn, kio povas ludi rolon en kultivigo de antikva aŭ altstila lingvo. Oni tre palpeble observas, kiel la dominanta parto de intelekta energio de esperantistaro estas direktata al kvalita rafinigo de la lingvo. Tio estas tre ĝojiga fakto. Sed ĝi forrabas ĉiujn vivajn fortojn de l'kvanta rafinigo. Disproporcio estas en ĉiuj aferoj malutila. Sed ĉi tie ĝi estas precipe malutila, ĉar ĝi baras evoluon. Ĉio ĉi postulas turnon de ĉiuj fortoj al kvanta kreskigo. Oni devas alkutimigi sin al pensmaniero en skalo de milionoj. Kaj, juĝante laŭ kvanto de novaj alfluantaj aktivaj junaj fortoj, ni staras antaŭ la ondo de nova salta disvastiĝo. Konekse kun tio necesas rimarki, ke kun la kresko de nombro malpliiĝas entuziasmo de apartaj agantoj. Kaj en tiu vidangulo oni devas kompreni, ke la junularo en Esperanto-movado jam ne tiel ardas kiel la veteranoj, kaj tio estas nature — ĉar po-iomete ĝi perdas aspekton de ravo kaj admiro kaj akiras aspekton de ofico.

Kaj el tio elkreskas kaj elstaras la kerno de nuntempa esperanta ĵurnalismo. Sekve nun la plej grava tasko de esperanta ĵurnalismo estas efika, ofta, intensa rememorigo, eksplik o, informo kaj rakonto, eĉ eble reklamo pri esperantaj eventoj, valoroj, aktivecoj, aranĝoj. Tio estas despli grava, ke ĝi montras ankaŭ al esperantistoj mem ilian laboron kaj rolon en nuntempo, kion ili ne ĉiam rimarkas. Kaj tio igas ilin senti, ke ili jam havas propran socian vivon.

Kiom ajn malforta kaj malgranda est[illegible] la esperanta preso, ĝi tamen ekzistas dank' [illegible] sindonaj kaj persistaj penoj de senlacaj esperantaj ĵurnalistoj. Kaj tio estas enhavo de ĉiutaga ĵurnalista agado. Sed ĉar fortoj estas etaj, necesas ĝuste majstre uzi ilin.

Ni scias specimenojn de sukcesa ĵurnalista laboro. La sukceso estas mezurata per jaroj de prospera agado de koncerna presorgano.

Jen estas presorgano „Paco" kun ĝia grandega multnacia kaj alte kvalifikita ĵurnalista kolektivo, kiu faras modelan aferon, ĝenerale unikan en sfero de internacia preso. Sed ĝia celo eliras el la sfero de pure esperantaj agoj kaj valoroj. Ĝi estas specimeno kaj ĝermo de estonta esperanto-praktiko, kiam Esperanto fariĝos ĉiutagaĵo. Ĝi estas utila formo de Esperanto-uzo en batalo por paco inter popoloj.

Jen estas „Heroldo de Esperanto" — la ido kaj flegato de l'sperta ĵurnalistino, nia kolegino Ada Fighiera-Sikorska. „Heroldo" estas bonstila kaj belaspekta, kaj la redaktorino estas sperta ĵurnalistino, kvankam ŝi pli okupiĝas pri redaktaj kaj administraj aferoj, ol ĵurnalistaj. Sed se kompari tiun belaspektan presorganon kun la plej modesta nacia, ni tuj vidos mirindan et-temecon de pure esperanta presorgano. La mondo en respegulo de esperanta preso estas ege malvastigata. Evidente, oni devas multe pensi kaj multe labori, precipe kolektive, por venigi vivon en la esperantan preson. Eble necesus iuj naciaj revuoj kaj eseoj en la ĵurnalo, literaturaj portretoj de simplaj agantoj, vivaj raportaĵoj, rakontoj, diskutoj, scenoj el turvojaĝoj, renkontoj, tendaroj, dramaj kaj amuzaj okazaĵoj k. t. p.

Jen estas malgranda nacia (pola) presorganeto „Ilustrowany Kurier Polski" kaj ĝia senlaca kunlaboranto, nia kolego Kazimierz Malycha. Mi prenas kelkajn numerojn de tiu ĵurnalo nur por septembro-oktobro 1971. Kiom da interesega, vere kapta, surpriza materialo estas tie. Preninte la numeron, oni jam ne povas deŝiriĝi. Legas ĝin ĝis fino. Kaj kiom da interesaj artikoloj pri esperanto-aferoj?! Multego da informoj (Oratoro konkurso — № 219; pri katamarana navigo de esperantisto Kwiatkowski el Ŝcecin al Krakow — № 231; Pri la internacia kuracleko en Miedzygorz — № 234; pri TEĴA-kunveno en Londona kongreso — № 236; rakonto de pastro Zawadski el Opol pri doktoro Zamenhof — № 240; pri Bagdada esperantisto Al-Amili en Leipziga foiro kaj en Pollando — № 242; pri Esperanto-konkurso de berlina gazeto „Der Morgen" — № 244 k. t. p.).

Por pluen evoluigi la kvantan flankon de la porlingva afero necesas profunde lerni la laboron de la nacia preso, kopii kaj transpreni ĉion, kio povas helpi al ni en solvo de niaj problemoj, el kiuj problemo № 1 estas la kvanto de esperanto-legantoj.

Inĝ. DINA POPOVA

# KIEL LA KARIKATURISTO JEAN EFEL KREAS TUTE SERIOZAN INTERNACIAN LINGVON

## PAZIGRAFIO aŭ 1 anstataŭ 1000

Fotografio, oscilografio, kinematografio, holografio kaj nun ankaŭ pazigrafio. Ĝenerale — fariĝas enuige. Necese estas, ke oni faru malgrandan korekton — la pazigrafio antaŭas laŭ tempo la ĵus menciitajn „grafiojn". Kreinto de tiu termino estas la matematikisto kaj filozofo Leibnitz, kiu vivis dum la XVII-a jarcento.

Li havis vastajn interesojn kaj kontaktiĝis kun multaj sciencistoj de diversaj nacioj. Estis nesese, ke aŭ li konu kelkajn lingvojn, aŭ ili konu la germanan.

Kiel ajn, ĉiu el ambaŭ variantoj kaŭzis embarasojn. Leibnitz, kiu interalie okupiĝis ankaŭ pri lingvoscienco, komencis pensi pri kreo de skriba sistemo, ĉe kiu skribita de germano teksto povu esti legata ankaŭ de franco kaj, kio estas pli grava, esti komprenata de li. Ĝuste tiun ideon respegulas la termino „pazigrafio" (grafioskribo, kaj pazi — por ĉiuj).

Leibnitz uzis kiel modelon la ĉinan hieroglifan skribon. En ĉiuj ĉinaj dialektoj, ofte nekompreneblaj por personoj de alia dialekto, unu nocio (ekzemple seĝo) estas skribata per unu kaj sama hieroglifo. Ĉe legado ĝi estas prononcata diversmaniere. Dependas kian dialekton parolas la ĉino, kiu legas ĝin.

La provo de Leibnitz en la pazigrafio ne havis sukceson. Lia sistemo posedis la malperfektecon de sia modelo — la bezono de ellernado de multenombraj, tre abstraktaj kaj ĝis tiam nekonataj signoj.

De la tempo de Leibnitz ĝis hodiaŭ la provoj por kreo de komuna lingva interkompreniĝo daŭras. La proponitaj manieroj estas multaj, sed efektive ili dispartiĝas je du grupoj: unu komuna lingvo pol ĉiuj popoloj aŭ unu komuna skribsistemo por ĉio lingvoj. Hodiaŭ en Eŭropo estas parolatoj pli as 50 lingvoj kaj en la mondo — pli ol 1000 (estas 2975, vidu numeron 3/1970 de „I. Ĵ" — la tradukinto). La seninterrompe kreskanta bezono de kontakto) en ĉiuj sferoj de la homa agado venigis la forneniigon de vico da „malgrandaj" lingvoj, parolataj de sensignifaj laŭ nombro homoj kaj pligrandigon de la signifo de „la grandaj" lingvoj — angla, rusa, hispana. Unu el la proponitaj manieroj por la forigo de la lingvaj baroj estas akcepto de iu el „la grandaj" lingvoj kiel internacia. La malfacilaĵo venas de tie, ke mankas forto, kiu povas decidi juste kiu nome estu tiu lingvo.

Alia varianto por solvo de la demando estas kreo de artefarita internacia lingvo. La ĝisnun aperintaj artefaritaj internaciaj lingvoj estas kelkdekoj, sed ili subiras tiel kviete, kiel ankaŭ aperas. Nur unu el ili — Esperanto—sukcesis sin trudi nur en iujn aferojn (la aŭtorino de la artikolo, nekonante Esperanton, opinias, ke Esperanto „sukcesis sintrudi nur en iujn sferojn", ĉar ŝi ne scias, ke Esperanto taŭgas por ĉiuj sferoj de la homa vivo — la tradukinto".)

Poste venis la ideo por permaŝina traduko. La lertaj elektronikmaŝinoj dum mallonga tempo tradukas lingvajn tekstojn de unu lingvo al alia, sed la kvalito de la traduko ne estas tre akceptebla.

Kaj post tio denove venas la pazigrafiaj ideoj. En la X-a kongreso de la Internacia Asocio de la Topografistoj ĉe UNESKO la fama franca artpentristo Jean Efel, helpata de sia frato, la helenisto Miŝel Leĵon, proponis skriban sistemon, destinita fariĝi pe-

---

En naciaj lingvoj ĵurnalistoj montras kaj ĉiutage elportas trezorojn de literaturo, popola arto kaj saĝo, kaj parolas en siaj gazetoj pri la plej aktualaj problemoj per kutimaj tradiciaj rimedoj de la popolo. Tio devas igi esperantajn ĵurnalistojn de l'koncerna lingvo pli firme enradikiĝi en la preson por enporto en ĝin de esperantaj valoroj. Labori inter amasoj, sed ne apartiĝi en klanon.

Tiamaniere, kunfrontante la specimenojn de laboro, mi konkludas jene. Kvankam la laboro de ĉiustilaj ĵurnalistoj estas grava kaj necesa, tamen por nuna periodo, en lumo de esprimitaj cirkonstancoj, oni devas elstarigi la agadon de nia kolego Kazimierz Malycha sur la piedestalon de honoro. Li almilitis por Esperanto konstantan rubrikon en sia nacia ĵurnalo, kaj per tio montris, kiun aspekton devas havi la larĝskala informado pri la lingvo kaj la movado por larĝaj tavoloj de legantoj en la tempo de larĝiĝanta ĝia universala akcepto kaj sekve prezentas, kion oni devas agnoski kiel ĉefan streb-linion en nuntempa situacio.

N. Danovskij, Moskvo

ranto por interkomprenigo de homoj, parolantaj diversajn lingvojn.

La ideo de Efel konsistas en utiligo de ĝeneralekonataj signoj. Unualoke estas la simboloj de la elementa matematiko. Tio ĉi estas la signoj „+“ kaj „—“, la signo „X“, per kiu la matematikistoj montras la nekonatajn grandojn kaj kiu, laŭ la opinio de Efel, povas servi por esprimo de „mi ne scias“. Sekvas la signoj „=“ — egale al, „>“ — pli granda kaj „<“ — pli malgranda. Tie ĉi oni povas inkluzivigi multajn signojn kiujn Efel, kvankam ne specialisto matematikisto, konas de la lernejo.

## I. SIGNADO DE LA NOCIO „HOMO“

1. La piktogramo de la nocio „homo“ de la panamaj indianoj
2. Ĉina hieroglifo „homo“
3. Germana r u n „homo“
4. La vojsigno „Atenton, piedirantoj“






5. Universala signo de Efel „homo“




6. Geometrio de la signo

## II. DIFINO DE LA ASPEKTO DE LA VORTOJ

1. La cirkloj signas verbojn
   a) Malpermesita kurbiro dekstren
   b) Rondmovado
   c) Eniro malpermesata
   ĉ) Signo pri adverboj
2. La trianguloj signas adjektivon
   a) Mallarĝiĝo
   b) Malebenaĵo
   c) Deklivo
   ĉ) Signo pri adjektivo
3. La ortanguloj signas substantivon
   a) Parkado
   b) Medicina helpo
   c) Loĝloko
   ĉ) Signo de substantivo — streketo




## III. FORMADO DE PROPOZICIO

1. Epiteto Subjekto Predikato Komplemento
   La nekonata homo distribuas la dolarojn
2. Epiteto Subjekto Predikato Komplemento
   La angla fako egalas 30 homojn




Sekvas la grupo de la vojosignoj, kies kono de la homoj, parolantaj diversajn lingvojn, kreskas paralele kun la evoluado de la transportrimedoj. Paŝanta homo signifas „Atenton piedirantoj!“ kaj estas taŭga signo de „h o m o“ en la nova skribo. La trompeto signifas „Sonsignalado estas malpermesita“. Tiu signo povas esti utiligata por montri la nocion „Silento“. Du linioj, kies interspaco mallarĝiĝas, signifas „Mallarĝigita parto de la vojo“. Efel vidas en ĝi signon por difino de la nocio „Mallarĝeco“.

Alia serio estas la topografiaj signoj, kiuj estas same popularaj. Poste venas la redaktaj signoj, la signo „V“ signifas, ke oni aldonu vorton al iu teksto kaj per ĝi oni povas esprimi ĝenerale „mi aldonas“. Ĝenerale konatajn signojn oni povas preni ankoraŭ multajn kaj multajn, ekz. „§“ (signifas „fako“, „parto“), iujn signojn de la muziknota skribo, aliajn signojn, metatajn sur la pakaĵoj de varoj signifantaj „rompebla“, „gardenda kontraŭ humido“, „ne renversu“ k. t. p.

Por signi gramatikan specon de la vorto (substan-

## *Poezio kaj beletro*

### S. A. Jesenin
*(1895—1925)*

*Dum vesper' blua, dum vesper' luna*
*Estis mi iam bela kaj juna.*

*Neretenebie kaj senripete*
*Ĉio traflugis . . . foren . . . kaj preter . . .*

*Palaj okuloj, kaj frida koro . . .*
*Blua feliĉo! Plenluna horo!*

*1925* El la rusa tradukis *Al. Logvin*

**Tre estimata redaktoro, kara amiko!**

Mi volus, ke vi ne aldonu al la unusilabaj vortoj apostrofojn. Almenaŭ en poemoj oni devus permesi tion. Mi siatempe subtenis la koncernan proponon de K. Kalocsay. Vi eĉ povus aperigi ĉi tiun mian:

*REKOMENDO AL ESPERANTO-POETOJ*

*Meritas dankon kaj saluton*
*plej nova Kalocsay-surpriz,*
*Vi prenu tiun absoluton*
*sen ajna eta kompromis.*

*Kaj antaŭ ĉio vi, poetoj,*
*nun skribu nepre laŭ konsil,*
*sen apostrofoj — „fiŝostetoj" —*
*laŭ brila Kolomana stil!*

***Aleksandr Logvin***

---

ivo, verbo, adjektivo) skribita per la menciitaj simboloj, Efel same alprenis la ideon de la vojosignoj. Li utiligis tion, ke la signoj, kiuj informas aŭ avertas (deklivon, mallarĝigon, kurbiĝon), estas signitaj en triangulo. La signoj malpermesantaj aŭ postulantaj ian agon (halto malpermesita, deviga kurbiro dekstren), estas en spaceto, limigita per cirklo. La signoj konigantaj proksimecon de benzinostacio, trinkakvo, loĝloko k. a. estas en ortangulo. Tiel Efel, metante anguleton super la signon, aliigas ĝin en adjektivon, la arketo super la signo signifas verbon, la rekta linio — substantivon. Tiamaniere sama signo povas signifi substantivon, verbon aŭ adjektivon. La konata de la matematiko signo „X" kun arketo super ĝi signifas „mi ne scias", kaj kun anguleto — „la nekonata".

Efel, la aŭtoro de la nova skriba sistemo celas, ke ĉiuj signoj estu facilaj kaj simplaj por skribo. Li scias, ke lia sistemo ne estas perfekta, sed li kredas, ke ĝi povas perfektiĝi. Unu el la kaŭzoj por la malperfekteco de la sistemo estas la diversforma gramatika konstruo de la diversaj lingvoj. En iuj el ili estas kazaj formoj, genroj de la substantivaj nomoj, en aliaj — ne. Embarasoj kaŭzas ankaŭ la diverseco en la konstruo de la frazo en la diversaj lingvoj. Ni diras: „La suno lumas", la saman fakton la francoj esprimas per frazo, kies proksimuma bulgarlingva traduko estas: „Fariĝas suno".

Dum la longaj jaroj de laboro super sia projekto Efel kres grandan liston de vortoj, kiuj povas esti indikitaj per konataj al ĉiuj signoj. R e s t a s l a d e m a n d o, p o r k i a j c e l o j e s t u s t a ŭ g a t i u ĉ i s k r i b o.

Eble en la komenco ne por disputado kaj konversacio. Sed ĝi ĉiam povas esti utiligata por mallongaj kaj simplaj informoj kaj pli poste (en la tekniko estas ankaŭ multaj grafikaj signoj ĉiekonataj) ankaŭ por scienca kaj teknika informado.*

El n-ro 5 1971 de la bulgara gazeto „Orbita" tradukis:

**M. CONKOVSKI**

* R e d a k c i a n o t o. — La aŭtoro de la artikolo Popova ne konas bone la problemon pri la Internacia lingvo, nek Esperanton kaj ĝian nuntempan disvastiĝon kaj uzon. Tial, fine de sia artikolo pri la „tute serioza" internacia lingvo de Jean Efel ŝi konkludas, ke la pazigrafia lingvo estonte povas esti utiligata „ankaŭ por scienca kaj teknika informado". Vanaj esperoj! Tiu ĉi morta lingvo restos nur kiel vana laborego por provo-kuriozaĵo.

### JEVGENIJ JEVTUŜENKO

* * *

*Tiel milde verdas riza planto,*
*al okuloj niaj — kvazaŭ ben'.*
*Se Jesenin estis en ĉi lando,*
*rizon li komparus kun aven'.*

*Dirus li: „Nenio plu necesas,*
*se la vivon ĝis la fora fin'*
*farboj de la juna riz' karesas,*
*ĝojigante, kiel knabon, min".*

*Sub ĉapeloj-fungoj jen surstrate*
*vjetnaminoj eksalutas nin.*
*Ĉiujn ilin li ekamus frate,*
*kvazaŭ ĉiu estas rjazanin'*.*

*Rusan triston li kunligus kante*
*kun sopiro de l'ĝangala sin',*
*la bubalan muĝon tradukante*
*je la paca lingvo de bovin'.*

*Ĉi knabinoj al fremdul' — severaj,*
*sed Jesenin, malgraŭ tia ŝajn',*
*Ŝagane** por la juveloj veraj*
*trovus same, kiel ĉie ajn.*

*Kaj, vidante flami incendion,*
*flugi nigrajn bombojn super si,*
*li priplorus karan Vjetnamion,*
*kvazaŭ brulas lia hejm' — Rusi'.*

*En liriko lia pro konsterno*
*tuj eksplodus civitana sent',*
*kaj Jesenin sur vjetnama tero*
*iĝus Majakovskij, por moment'!*

*El la rusa:* ***K. Gusev***

***Notoj:***

* Rjazanino — loĝantino de Rjazan-provinco, naskiĝloko de Jesenin.
** Ŝagane' — heroino de lirika poemciklo „Persaj motivoj" de Jesenin.

## Ni recenzas

### LA TROMPA ARTO

Ruzemo estas pratempa karakterizaĵo de la homo. La homo ja heredis ĝin de la besta mondo, kiu okupis nian planedon dum antaŭaj jarmilionoj.

Ofte ĝi estas la sola defendilo de la malforta homo kontraŭ la forta. En militado la plej sukcesa generalo estas tiu, kiu elpensas plej lertajn artifikojn por mistifiki la malamikon.

Eĉ infano, kiu ne ŝatas la lernejon, kapablas tre konvinke ŝajnigi simptomojn de malsano. Kaj ĉiu scias, kiel facile fripono povas, per kortuŝa rakonto, apartigi naivulon de lia mono.

Sed la plej rafinitaj ekzemploj de la trompa arto montriĝas en la kampo de polemiko. La zelota propagandisto de iu religia aŭ politika sistemo, la misiisto de nova kulto, la diktatoro kiu avidas potencon, la posedanto de antipatioj kontraŭ aliaj rasoj, nacioj aŭ eklezioj — jen la korifeoj de la trompismo. Ili lerte ĵonglas per nuancoj kaj emociaj vortoj por influi la pensojn de aliaj homoj. Tro ofte ili sukcesas.

Do, prudentaj homoj aŭskultas tiajn apostolojn skeptike, sciante ke ili povas ja pravi, sed ke honesta argumento malofte bezonas histriajn akcesoraĵojn.

En 1953 aperis reviziita eldono de rimarkinda anglalingva libro,* kiu detale esploras la variajn formojn de tiuspeca sofismo. Ĝi originale publikiĝis en 1930, kaj la publiko tiel alte taksis ĝin, ke oni baldaŭ elĉerpis dek eldonojn.

Ĝia aŭtoro, d-ro Thouless, estas eminenta psikologo, kiu lektoris en la universitatoj de Kembriĝo, Manĉestro kaj Glasgovo. Li zorge analizas la uzadon de diversaj tendencaj, troigaj kaj emociivaj parolturnoj, kaj ellaboras plej efikajn reagojn. Tiu sistema traktado estas valora gvidilo por ĵurnalistoj, kiuj volas objektive raporti paroladojn, intervjuojn, ktp.

Unu mallonga ekzemplo sufiĉos por reliefigi la celon de la aŭtoro.

‚Oni ne surpriziĝos, legante en iu libro pri la Pariza Komunumo de 1871, ke multaj regulaj soldatoj estis **murditaj** dum la stratbataloj de la komunumanoj, sed ke multe pli granda nombro el tiuj ĉi estis **senprocese ekzekutitaj**

---

**Adolf Stanůra**

### SIMBOLOJ DE ESPERANTISMO

2. **Nia standardo**

Dum serena julia tago 1904 la straton Faidherbe en bela nordfranca apud-Kanala urbo Boulogne-sur—Mer iris tri fervoraj samideanoj.

Per grandaj kaj multaj zorgoj ili estis ŝarĝitaj. Ili ja estis organizantoj de kongreso, kia ankoraŭ neniam okazis en la mondo: ĝi estis la unua internacia kongreso de diversnacianoj s e n i n t e r p r e t i s t o j, la kongreso de esperantistoj. Ĉiuj ĉeestantoj parolos nur unu lingvon kaj komprenos sin rreciproke, tio estas afero, pruvita jam antaŭ unu jaro en la urboj Calais kaj Dover.

La paŝoj de la tri samideanoj, Alfred Michaux, advokato, Maurice Duchochois, entreprena direktoro, kaj d-ro Sergeant, celis al la vendejo de s-ro Gras, kiu komercis teksaĵojn. Tie ili volis mendi standardon por la Esperanta kongreso, standardon, kian oni ankoraŭ neniam vidis.

La sinjoroj iris senvorte. En la kapo de s-ro Michaux sonis la versoj de la Zamenhofa poemo, kiun la Majstro verkis speciale por la kongreso kaj pri kiu la aŭtoro pensis, ke ĝi povus fariĝi himno de esperantistoj. Ĝia titolo estis „Preĝo sub la verda standardo" kaj ĝia kvina strofo komencis per vortoj: „La verdan standardon tre alte ni tenos. . . "

Kaj al tio en la kapo de s-ro Michaux sin ligis la versoj el „La vojo":

Tra densa mallumo briletas la celo
al kiu kuraĝe ni iras.
Simile al s t e l o en nokta ĉielo
al ni la direkton ĝi diras. . . j

Ankaŭ li pensis pri la Esperantalibroj, sur kies kovriloj estis prej sataj la kvinpintaj steloj. Kaj d-ro Michaux decidis insisti, ke la standardo, kiu devas esti verda, devas esti ornamita per verda kvinpinta stelo.

Sed li ne sciis ankoraŭ, kie loki la stelon.

Liaj du amikoj ankaŭ meditis pri la plenumota tasko.

Tiel ili alproksimiĝis al sia celo kaj eniris la komercejon de s-ro Gras. La posedanto mem bonvenigis ilin ridetante. Li estis surprizita, kiam s-ro Michaux, al li konata kiel vigla esperantisto, esprimis la deziron pri la Esperantaj standardoj.

„Tio estas maloftega afero ĉe mi, s-ro Michaux, pretigi standardon por societo !" diris s-ro Gras.

„Sed ĝi ne estas nur por nia societo, s-ro Gras, ĝi estas por la kongreso de esperantistoj, kiuj venos viziti nian urbon el 20 landoj. „Preskaŭ 700 estos da ili- diris s-ro Duchochois „Malfacilaĵo estas tio," daŭrigis li, iom hezitridetante, „ke ni ne scias ankoraŭ, kiel ĝi aspektu. — S-ro Gras, bonvolu pruntedoni al mi peceton da kreto. Kaj ĉu vi permesos, ke mi desegnu ion sur tiu ĉi via vendotablo ?"

La komercisto memkompreneble plenumis la dezirojn de la sinjoro. S-ro Duchochois desegnis per la kreto longan ortangulon sur la ligna vendotablo.

„Nur unu afero estas klara," diris s-ro Sergeant, „nome, ke la baza koloro de la standardo devas esti la verda."

„Mi petas, sinjoroj, jen vi povas elekti kaj la nuancon, kaj la kvaliton, kiaj plaĉas al vi", diris s-ro Gras kaj elmetis el la varetaĝero kelkajn verdajn ŝtofpecojn.

La tri sinjoroj alpaŝis, interkonsiliĝis pri la ŝtofo kaj elektis unu. Poste ili revenis al la desegnita longa ortangulo.

„Ni povus buntigi ĝin per nia franca trikolora strio", proponis s-ro Duchochois.

„Sed la standardo estas destinita bonvenigi ankaŭ samideanojn de 19 aliaj nacioj," oponis Sergeant. „Tial ni devas ne naciigi ĝin per la franca trikoloraĵo."

„Mi estas certa, ke stelo plej

de le trupoj. Estas evidente ke, por prezenti ion kiel simplan aserton de objektiva fakto, oni devas uzi sole la vorton **mortigitaj** anstataŭ **murditaj** kaj **senprocese ekzekutitaj**.

Bedaŭrinde, estas neeble traduki ĉi tiun libron komplete en Esperanton. La angla, kiel aliaj naciaj lingvoj, havas riĉan provizon de sinonimoj, homonimoj, dialektaĵoj kaj ĵargono, kaj la sperta propagandisto povas ruze manipuli iliajn nuancojn por krei la celatajn impresojn. En la vesto de alia lingvo ili perdus tute sian signifon.

Do, mi konfide rekomendas la libron al niaj membroj, tamen precipe al tiuj, kiuj tre bone posedas la anglan lingvon. . .

Fine, la serpento de trompismo ofte troviĝas en la arbaro de reklamado kaj vendado. Specialan averton ni donu al niaj karaj sinjorinoj, ke ili estu singardaj antaŭ la pordfrapanto kun la valizo, kies ora lango kaj alloga rideto kunlaboras por vendi al ili varojn, kiujn ili ne sopiras, nek bezonas. Eble tiuj senditoj estas plejparte honestaj, sed inter ili estas sorĉistoj, kiuj kapablas vendi fridigilon al eskimo, kaj gazontondilon al beduena kamelisto! Indulgu miajn emociivajn vortojn! . . .

AVOTO, Anglujo.

* **Straight and Crooked Thinking,** (book 233), by Robert H. Thouless; eldonita de PAN BOOKS Ltd., 8 Headfort Place, London, S. W. 1.

## RICEVITAJ ELDONAĴOJ

— La Ĝenerala instruado en VDR. — Artikoloj en broŝuro 144-paĝa pri la popola instruado en Vjetnamio. Eldonis Fremdlingva eldonejo, Hanoi, 1971.

— Resumo pri Vjetnamio-132-paĝa libreto. Enhavas artikolojn, notojn k. a. faktojn pri la historio, kulturo, pri la batalo kontraŭ okupantoj kaj Usono. Bone ilustrita kun kovrilpaĝoj. Eldono en Hanoi, 1971.

— La Ĥorloĝisto de Djen Bjen Fu — granda libro, 414-paĝa, entenanta 19 novelojn el la periodo 1945—1964. Tradukis Nguen Minh Kinh, presejo Le Van Tan. Fremdlingva eldonejo, Hanoi, Vjetnamio, 1971.

— Manheim — bone ilustrita faldfolio, kun mapo kaj faktoj pri la vigla GFR urbeto ĉe Rein kaj Nekaro.

— **Anekdotoj de vojaĝo aŭ Prezidanto Ho Chi Minh rakontas** — libreto 88 — paĝa de T. Lan, tradukis Dien Pham Dinh, Fremdlingva Eldonejo, Hanoi, Vjetnamio. Eldonis Vjetn. Pacdefenda E. Asocio, 68 Ly Thuong Kiet.

— **Ukraina Soveta Socialisma Respubliko** — ofsete eldonita 24-paĝa broŝuro kun kovrilpaĝoj. Entenas faktoj pri la ekonomio, kulturo, sociaj atingoj k.a. de SSR Ukrainio. Eldono de la Ukraina societo por amikeco kaj kulturaj ligoj kun eksterlando.

---

bone ornamus la standardon", diris Michaux.

„Nu tio estas ĝusta," konsentis Sergeant. „Efektive, ni povus per blanka strio desegni ta konturojn de la kvinpinta stelo sur la standardo."

„Ĉu ni ne povus ŝanĝi nian planon kaj fari la standardon blanka kun granda stelo en la mezo?" proponis Duchochois.

„Tio kontraŭdirus al la poemo de nia Majstro," oponis Michaux. „Sed nun mi jam scias, kion ni faros."

Ĉiuj tri sinjoroj atende kaj scivole ekrigardis lin.

„Mi proponas," daŭrigis Michaux, „ke ni loku apud la stango blankan kvadraton kun la verda stelo."

„Eminente," ekvokis Duchochois, „tiu propono plaĉegas al mi."

Ĉiuj tri ceteraj sinjoroj ekridetis kontente, ĉar ankaŭ Sergeant estis kapjesinta kun vorto „Bonege."

Jam ŝajnis la problemo esti solvita kaj Duchochois kompletigis sian skizon per kelkaj strekoj. La latero de la kvadrato estis duone longa kompare kun la larĝo de la standardo.

„Ankoraŭ unu afero," ekparolis subite Sergeant. „Ekzistas dekreto de nia prefekto, laŭ kiu ĉiu societa standardo devas havi ian distingan signon."

„Ĉu la stelo ne sufiĉas?" opiniis Michaux.

„Nu, ni povus ankoraŭ, meti blankan E en la mezon de la stelo," diris Sergeant.

„Jes," aŭdigis Duchochois, kaj Michaux fine ankaŭ konsentis.

Nun la afero estis solvita jam definitive kaj oni subskribis la mendon.

„Tiu ĉi standardo estos historia," diris Michaux, „ĉar ankoraŭ neniam la esperantistoj vidis ion tian."

„Tio estas unika afero," diris la komercisto Gras. „Eminenta reklamo por mia firmao, sinjoroj, tre kore mi dankas al vi."

Kaj mi kredas, kara leganto, ke s-roj Michaux, Sergeant kaj Duchochois kreis ne nur nian standardon, sed ankaŭ donis definitivan formon al nia esperantistoj insigno, ĉar ili uzis la verdan stelon.

* * *

Post kelkaj tagoj, la esperantistaj standardoj aperis en Bulonjo-apud-maro. Ili pendis sur la kongresejo (la teatro-domo), sur la akceptejo (granda kafejo) kaj sur aliaj lokoj. Ili estis 1,50 m longaj, 1 m larĝaj kaj la blanka kvadrato havis lateron 50 cm.

Kiam la Majstro alveturis la urbon, li estis ĝojigita pro tiuj belgustaj standardoj, pri kiuj li aŭdis jam en Parizo. Kaj li sincere gratulis la aŭtorojn de la projekto. Simile opiniis eble ĉiuj kongresanoj. Tial ne estis mirige, ke la 9-an de aŭgusto, kiam laŭ la programo oni alpaŝis al debato pri la Esperanta standardo, la afero estis decidita dum kelkaj minutoj.

Nome, kiam la prezidanto de la kongreso, s-ro Boirac, universitata rektoro el Dijon, anoncis la programeron, ekregis silento. Post kelkaj sekundoj levis sin brako de s-ano Ostrowski kaj **estante** invitita, li diris interalie:

„ . . . Ni ne serĉu. La standardo, kiu nin kondukos al **al** venko, kiu nin gvidos estonte **kaj**

flirtos en ĉiuj landoj de la mondo, jen ĝi estas." Kaj li prenis de sur balustrado unu standardon, alten ĝin levis kaj majeste ĝin svingis tien-reen.

Grandega aplaŭdo ektondris en la teatro.

Vespere la Majstro subskribis du standardojn. Unu restis de' pcnita ĉe s-ro Michaux, la dua ĉe s-ro Sergeant, kiu post 23 jaroj donacis ĝin al la Esperanto-Muzeo en Vieno.

## NOTOJ PRI LA STATUTO

Jen estas nur kelkaj rimarkoj, kiujn naskas prikonsidero de la projekto:

### Ĉapitro II.

En la „Celoj" necesas antaŭ ĉio lokigi la ĉefajn erojn.

1. Kunigi en kadroj de TEĴA ĉiujn ĵurnalistojn, kreantajn Esperantoperiodaĵojn, prizorgantajn disaŭdigojn kaj televidajn programojn kaj zorgantajn pri Esp-rubrikoj en nacia preso.
2. Precipe necesas substreki la penson, ke TEĴA havas la celon intime kunlabori kun progresivaj ĵurnalistaj grupoj de nacia preso.
3. Necesas ankaŭ montri rilaton de TEĴA al internaciaj ĵurnalistaj korpoj.

### Ĉapitro III.

1. Necesas dividi Ĉapitron „Membroj" je du partoj. „Rajtoj" kaj „Devoj".

„Rajtoj" povas resti en proponata formo sen ŝanĝoj. „Devoj" necesas prilabori, lokigi inter ili:

1. Respondi senprokraste al letero de TEĴA-ano.
2. Kontribui al „IĴ" ne malpli ol 4 artikolojn jare.
3. Regule kaj akurate pagi kotizon kaj abonpagon.
4. Aktive partopreni en laboro de nacia filio (en eventuala okazo de ĝia ekzisto).

### Ĉapitro IV.

1. Rilate estraron estus rekomendinte distribui ĝin tiamaniere, ke ĝi iĝu reprezenta por mondpreso esperanta, ekzemple, ke estu

2 — reprezentantoj de Eŭropo,
2 — reprezentantoj de Nordameriko,
2 — reprezentantoj de Azio,
1 — reprezentanto de Suda Ameriko,
1 — reprezentanto de Afriko,
1 — reprezentanto de Aŭstralio kaj Nov-Zelando

2. Devas esti punkto, en kiu estas konstatante, ke TEĴA havas sian bibliotekon ĉe la redakcio de „IĴ", kiu estas kompletigata per literaturo donacata, testamentata kaj ricevata por recenzo.

3. TEĴA devas havi sian arkivon kaj muzeon, kie estu koncentrataj diversaj dokumentoj, arkivoj de ĵurnalistoj-esperantistoj kaj aliaj materialoj de la Asocio (naciaj gazetoj, artikoloj de TEĴA-anoj, fotoj kaj tiel plu). La loko kaj formo de akumulo de tiu arkivo kaj muzeo devas esti difinita de la estraro.

Eble parton de la arkivo estus racie teni en CED, kaj parton de muzea materialo en Wiena muzeo.

Kaj fine necesus aldoni en la Ĉapitro VII:

1. Devas ekzisti TEĴA-P r e s-S e r v o kiel unuiganta kaj metodike gvidanta centro de ĉiuj „Esperantoservoj", kiuj spontane naskiĝas kaj same nerimarkite mortas.
2. TEĴA devas havi sian „Foto- Kino- Magnetofonan Centron" (eble por unua tempo unuigite kun la Fo-Ki-Ma" en Budapeŝto).

Kaj fin-fine estus racie kompletigi la statuton per jenaj punktoj:

A. TEĴA havas sian sekcion de junularo kaj studentoj de ĵurnalismo.

B. TEĴA havas sekcion de beletro.

C. TEĴA havas lingvan komisionon, kiu preparas koncernajn rekomendojn.

D. TEĴA havas en siaj kadroj strukturan organon, kiu registras kaj helpas al kunlaboro en internacia skalo de ĵurnalistaj ŝatokupoj (turismon, kolektadon, foto-, kino-, sporto- metiojn k. t. p.)

E. TEĴA aranĝas ekspoziciojn, konkursojn, por kio ĝi difinas kaj publikigas temon kaj tempon, nomas ĵurion, difinas premion (kiuj unuatempe povas esti pure simbolaj). Kompencas merititajn kolegojn per premioj kiel unufojaj, tiel ankaŭ sistemaj je memoro de eminentaj esperantistoj-ĵurnalistoj.

*La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" tutkore dankas al ĉiuj kolegoj kaj abonantoj, kiuj bonvolis saluti la organon okaze de la novjaraj festotagoj.*

## INTERESA FAKTO

La kanada gazeto „Toronto Star" informas, ke en la katedro pri germana lingvo estas montrita komputertradukista maŝino. La masino ricevis taskon traduki parton el la biblio, komencanta per la vortoj: „La spirito estas serena, sed la korpo estas malforta . . ."

La traduko, farita de la komputera tradukisto, estis tia: „La forta odoro montras, ke la kosmo ne estas freŝa . . ."

*Kolegoj, cu vi pagis vian membrokotizon aŭ abonkotizon por la antaŭaj kaj por la nova 1972 jaroj? Bonvolu nepre fari tion tuj.*

**Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev — Esperov, bulv. Hristo Botev 98**
**Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04**
**Redakta komitato: Rajna Konstantinova, Minko Conkovski**